# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 24/05/2018 Tricentsepdekkvina eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj


Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Ĉiuj tagaj ligoj al informaĵaj paĝoj uzindaj, helppretaj al Esperantistoj**

*reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate *Pasintaj eldonoj*

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Ĝis nun 1,700,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo



Ekstudis pli ol 1,330,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Ekstudis pli ol 369,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Ekstudis pli ol 29 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

## N.ro 29 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay) .



### Sesa parto de la serio "La Verbo en P.A.G.".

La Refleksivo ne estas voĉo, ĉar unue ĝi ne diras, per alia vortordo, la samon kiel la aktiva voĉo, kion faras la aliaj voĉoj, kaj due ĉar ĝi havas la formon de la aktiva voĉo. Tamen oni ne povas, aŭ ne volas, ŝanĝi ĝin en la pasivon ĉar oni ne povas ŝanĝi la objekton "sin" al subjekto "si" ĉar "si" devas ripeti sian subjekton, kiu estus "si" mem. Estas malfacila meti la refleksivon en iun grupon de verboj; ĝi estas specialaĵo en si mem, kaj ĝi estas en la formo de la aktiva voĉo. Ĝi ne povas ŝanĝati al la pasiva aŭ la mediala voĉoj, kaj malfacile al la faktitivo: "La knabo lavas sin" > Mi igas la knabon lavi sin > Mi lavigas la knabon sin". Do la refleksivo estas ĉiam en la aktiva voĉo kaj estas speciala speco de aktiva voĉo.




Ankaŭ la reciproko estas speciala speco de aktivo: "La infanoj helpas unu la alian". Kvankam ĝusta, oni neniam renkontas ĝin en la faktitivo: "Mi igas la infanojn helpi unu la alian

> Mi helpigas la infanojn unu la alian". En la pasivo: "La infanoj helpatas unu de la alia", kaj en la medialo "La infanoj helpiĝas", kie la reciprokeco tute malaperis, aŭ ne esprimeblas. Ankaŭ la reciproko do ne estas gramatika voĉo.

*Marcel Leereveld*



# La Manlia Esperanto-Klubo







Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.

Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin. La 19a de Majo estis la tria sabato.

Venis Roger Springer, John Casey, Eunice Graham, Chris Holliss kaj Ian Wylles.

Kvankam sabaton okazis la (bone reklamata) geedziĝo de la Brita princo Harry kaj la Usanano Meghan Markle, kaj ke multaj homoj tre estis okupitaj prepari festojn pro kune spekti la eventon per televido, nia grupo havis la tempo por renkontiĝo.



Estis bona mateno.

Ni kune legis, praktikis prononciadon kaj malkovris multajn nekutimajn vortojn.

*chris holliss*



# Bob Felby skribis



Kiel sciate la homa korpo konsistas el ostoj diversformaj. Unuj estas rondaj, se mi bone memoras, aliaj estas kvadrataj, ĉar mi malbone memoras, iuj estas oblongaj, mi esperas, ke mi bone memoras, eble iuj estas triangulaj, mi ne estas tute certa pri tio. Tio estas problemo, ĉar mi ankoraŭ ne povas trovi miajn multajn malsamajn vortarojn de la diversaj lingvoj de la mondo.

Se iu el vi povas pensi pri aliaj ostoformoj, bonvolu informi min kiom eble plej baldaŭ!

Sed la bedaŭrinda fakto ja estas, ke iuj elektitaj homoj devas suferi pro ostomalforteco, kio ofte kaŭzas terurajn dolorojn. Ekzemple eĉ mi ne estas tute protektata, kvankam mi regule pagas multe da mono al "Medicare" aŭ kiu ajn monkolekto, kiu respondecas pri la bonfarto de la homaj enloĝantoj de tiu ĉi planedo.



Antaŭ naŭ jaroj oni do enmetis tute novan kokson en la koksujon de mia maldekstra kokso. Tio treege plaĉis al mi. Eble estis kelkajn monatojn kelkaj doloroj, sed fakte eĉ tre rapide kaj baldaŭ, mi kapablis tute forgesi pri ĉiuj doloroj.

Sed pasis naŭ jaroj, kaj tiu nova kokso decidis malbone konduti. Kiam ajn ĝi havis la ŝancon ĝi eliris el sia koksujo kaŭzante terurajn, eĉ teruregajn dolorojn, eĉ doloregojn, al kompatinda mi! Ĉar mi ne estis tute silentema pro la doloroj oni enmalsanulejigis min unu post la alia en tri malsamajn malsanulejojn, kie oni provis instrui al mi kiel daŭrigi la vivon kun la doloroj.

Sed eble mi devas mencii, ke oni promesis al mi iam en la estonteco, elpreni la malbone kondutantan kokson kaj ĵeti ĝin en la rubujon, kaj anstataŭigi ĝin per iu alia, tute nova kaj espereble multe pli bone kondutanta kokso!

Do, oni sendis min hejmen de la malsanulejo. Nun mi sidas hejme atendante la gravan kaj bonvenan mesaĝon, ke eĉ tre baldaŭ oni liberigos min de la tute nebonvenaj doloregoj.

Sed kion mi vidis, kiam mi eniris mian hejmon? Tie, sur la planko kuŝis mia amata tenorbanĝo. Evidente Sammy, mia fidela kaj amuza hundeto, estis amuzanta sin ekzerci la amuzan ludadon de tenorbanĝo. Mi devas konfesi, ke mi estas pri li eĉ tre fiera, ĉar li ludas ĝin multe pli bone ol mi.



Mi suprenlevis la banĝon. Ĝi estas iom peza por iu, kiu ĵus estis liberigita de malsanulejo, sed eĉ mi povis levi ĝin. Mi ekagordis ĝin. Sed, ho ve! Kaj la A-kordo kaj la G-kordo estis ne plu en siaj kordingoj. Nu, ĉu tio gravas? pensis mi. Mi simple reenmetis ilin en siajn kordingojn kaj reagordis tiujn du malbonkondutintajn kordojn. Sed kion ajn mi faris, ili tuj elsaltis el siaj kordingoj. Post longa klopodo mi cedis. Mi ne estas kapabla reenmeti kordojn en kordingojn. Necesas ke mi ĝentile kaj humile petu iun, kiu tion povas fari por mi, ĉu ne? Sed ĉar momente mi ne sufiĉe bone povas piediri pro mia malbonkondutanta kokso, necesis doni tiun taskon al mia servema filino, kiu promesis transdoni tiun problemon al iu pli sperta ol mi.

Do, nun eĉ mi komprenas, kial necesas atendi tiom longe antaŭ ol oni povas seniĝi de siaj nebonvenaj problemoj! *Bob Felby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Kaŝi min en mia ĝardeno.

**MILITOJ**.



Fine mi en A. E. legas praktikan konsilon, aŭ peton, kion fari por malhavi militojn. Ĝi venas el Bob, kaj diras ke ni devas rifuzi fari militojn. Akompani tian rifuzon povas facile farati en demonstracioj. Ekzemple dum la de Aŭstralio perdita milito kontraŭ Vjetnamujo okazis grandegaj demonstracioj en aŭstraliaj urboj kontraŭ tiu milito kontraŭ la vjetnamoj. En ili partoprenis ankaŭ pluraj politikistoj de la Laborpartio. Sed tiaj demonstracioj mankis kontraŭ la, cetere senutilaj, militoj en Afganistano kaj en Irako.

La de Bob rekomendata rifuzo partopreni en militoj estas facile farebla en Aŭstralio kaj en eŭropaj landoj, sed en pluraj landoj tio povas rezulti en enkarceriĝo aŭ en mortigateco. Kion tiam fari? Krome ekzistas alia problemo, nome se Usono kaj Rusujo ne estus farintaj la militon kontraŭ Hitler, la eŭropanoj nun verŝajne vivus sub la Nazia diktatoreco. Kio estas pli bona? Kaj se Trump en la baldaŭa estonteco ne faros militon kontraŭ Ĉinujo, ni vivos sub la diktatoreco de la tiel nomata komunista diktaturo de tiu lando. Kion elekti? Verŝajne la diktaturo de Ĉinujo estos multe pli milda ol tiu de Hitler, kiu estis terura por multegaj homoj, sed oni ne antaŭscias. Cetere en kelkaj lokoj (ekz. Mozambiko) la diktaturo de la usonaj kapitalistoj estas terura. Ŝajnas al mi malfacila elekti.

Krom militoj ekzistantaj en niaj demokrataj landoj ankaŭ ekzistas aliaj kruelaĵoj kiujn ni devas ĉesigi. Ekzemple antaŭ multaj jaroj iu faris krimon al mi. La policanoj kaptis lin kaj en la policejo batis kaj piedfrapis lin pro sia simpatio al mi. Ili invitis min fari la samon al li, sed mi ne faris ĉar kiel knabo kaj junulo mi ne havis la kutimon batali. En ĉi tiu kazo la krimulo meritis la batadon, sed la polico povas bati ankaŭ nekrimulojn, en demonstracioj ekzemple, aŭ homojn malpli krimajn. Kaj tio okazas en demokrataj landoj. Ni ankaŭ ne forgesu la kruelaĵojn de la aŭstraliaj registaroj enkarcerigantaj homojn en Naŭru. Kaj la kruelaĵon de la demokrata franca registaro ĉe Aŭckland! Kaj ni ne forgesu la kruelan traktadon ante la aŭstraliajn ŝafojn sendatajn al la Mezoriento!

Kelkaj personoj diras, ke la homoj, aŭ almenaŭ la vira parto, estas nature kruelaj, kaj ke tial ni havas kruelan ekonomian kaj socian sistemon, sed mi kredas la kontraŭon, niome ke tiu ĝisnuna kruela socio faras nin kruelaj, ĉar kiam mi kiel invalido vojaĝas tra Melburno multaj homoj, virinoj kaj viroj, oferas helpi min.

Ĉu nur Bob havas praktikajn proponojn por senigi nin de militoj kaj de kruelaĵoj?
*Marcel.*

**TRIA, LASTA, LISTO DE MIAJ TRADUKPROPONOJ DE "*TO GET*".**

34). *He gets me with his complaints*, >>> Li ENUIGAS min per siaj plendoj,

35). *when she got her second child*. >>> kiam ŝi NASKIS sian duan gefilon.

36). *I shall get myself a cup of tea*. >>> Mi PREPAROS tason da teo por mi mem.

37). *They got by alright.* >>> Ili bone POVIS ARANĜI SIAJN AFEROJN.

38). *You better get down to work.* >>> Ci prefere KOMENCU cian laboron.

39). *Let us get together,* >>> Ni KUNVENU,

40). *for I have got to redo it.* >>> ĉar mi DEVOS refari ĝin.

41). *Finally I got through to him.* >>> Fine mi KOMPRENIGIS lin.

42). *They get out five cars a week*. >>> Ili FABRIKAS kvin aŭtomobilojn ĉiusemajne.

43). *You are getting me wrong,* >>> Ci JUĜAS min malĝuste,

44). *so get off my back*. >>> do ĈESU ĜENI min.

45). *Don't interfere: I get by alright*. >>>> Ne enmiksiĝu: mi bone SUKCESAS.

46). *We are getting together before six.* >>> Ni KUNIĜOS antaŭ la sesa.

47). *They got off lightly,* >>> Ili ESKAPIS sufiĉe bone,

48). *but I got off alright with her*. >>> sed mi ŜATATIS de ŝi.

49). *Finally we got sent home.* >>> Fine ni HEJMSENDATIS.

50). *Did you get all that?* >>> Ĉu vi KOMPRENIS ĉion tion?

*Marcel Leereveld.*

**NIAJ KANTOJ.** La melburna radiostacio 3ZZZ ĉiulunde elsendas Esperantoprogramon. Mi esperas ke vi estas aŭ fariĝas membro, ĉar ĝiaj elsendoj estas interesaj, sed por daŭrigi ni bezonas havi minimuman membronombron. Kaj la jarkotizo estas nur dudek dolaroj.

La kantoj prezentataj, krom la paroloj, estas kutime modernaj popularaj kantoj, en Esperanto. La muziko estas ĝenerale nuntempa muziko. Antaŭ la nuna muziko, do el la mezo de la deknaŭa jarcento ĝis la mezo de la dudeka jarcento, la popularaj kantoj havis pli da melodio kaj plej ofte aliajn ritmojn. La melodioj kaj ritmoj de la antaŭa epoko estis variaj sed gravaj por la enhavo, la vortoj. En tiu epoko la muziko estis samgrava elemento kiel la vortoj de la rakonto. Kompare kun tiu tempo la nunaj popularaj kantoj havas malmulte da melodio kaj la ritmo estas monotona, ĉar nuntempe la rakontoj de la kantoj estas multe pli gravaj ol la akompana muziko. La antaŭaj ritmoj estis sentimentalaj kaj dolĉaj, dum la nuna monotona ritmo ne estas grava por la rakonto, sed gravas nur por imiti la seksan ritmon. Tiu seksosimila ritmo ĝenerale ne uzatis en la antaŭa epoko, kaj ĝin komencis la mezorientaj kantistoj kaj kantkreistoj. La araboj estis tre sukcesaj en tiu seksa ritmo. Poste la eŭropanoj imitis ĝin kaj nun plene uzadas ĝin en la modernaj kantoj popularaj. Ĝi estas tre efektiva, speciale por virinoj. Kaj ne la melodio, sed la ritmo estas nun same grava parto de la kantoj kiel la rakonto. Kie la ritmo ne estas seksa, ĝi estas nur malgrava akompano de la grava rakonto.

Kiel vivanto de la antaŭa epoko, kaj alkutimiĝinta al ĝi, mi aŭdas la nuntempajn kantojn kvazaŭ la muziko estas nur la monotona ritmo de maŝinoj en fabriko. Homoj de la antaŭaj generacioj plu bezonas fortajn melodiojn kun variaj ritmoj sed plejofte sentimentalaj kaj fluaj, dum la seksa ritmo de la nuna epoko sendube ŝanĝiĝos al alia, ankoraŭ nekonata, nova ritmo kaj nova melodiado. Tiam la nunaj generacioj nostalgie memoros sian amatan muzikon de sia junulara tempo kaj do de sia tuta vivo, ĉar la muziko kiun oni amis kaj aŭdadis dum siaj gejunulaj jaroj restas la bazo de via muzikamo dum la resto de via vivo. *Marcel Leereveld.*








Petro Danzer BES Sekretario

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 13 Mi fariĝas ankaŭ ĉerkoportisto. Sesa ero



Kelkajn tagojn poste mi devis noktogardi en la gasfarejo. "Ĉu mi vere devas eniri ĝin" ? mi demandis. "Jes, sed vi ricevos specialan lumilon, kiu ne sparkas, kiam oni ekfunkciigas ĝin !

Ekfunkciiginte la specialan lumilon sur la strato ekster la gasfarejo mi eniris ĝin kun koro batanta. Danke al Dio ĝi ankoraŭ batis, post kiam mi estis ĝin forlasinta !

Post kelkaj jaroj kiel noktogardisto oni bezonis novan noktogardistestron. Nu, kompreneble ĉar ankaŭ nia firmao estis demokrata firmao, ĉu ne ? ni ĉiuj rajtis nin proponi por la ofico. Pensis mi, eble bona ideo, tiam ankaŭ mi bezonos nur sidi en la oficejo la tutan nokton kafon trinkante, dum iu alia biciklas en la pluvo aŭ neĝo. Jes, bone, eĉ bonege, mi petos tiun laboreton !

Petinte ĝin mi informiĝis pri la dato, horo kaj loko de la pridemandado. La loko estis en Malmö, Svedujo, ĉar kiel diris niaj estroj, la psikologoj svedaj superas la danajn. Kaj tie staris mi, kiu ĉiam konsideris min la plej bona psikologo en la mondo. Iom tro longe mi malŝparis mian tempon prikonsiderante la problemon. Ĉu mi tiun tagon iru al Svedujo anstataŭ ol dormi la tutan tagon, ĉar mi devis ja labori ankaŭ dum la nokto. Iom post iom mi ekkomprenis, ke oni tute ne intencis, ke iu el ni havu tiun oficon, ĉar se jes, ili devis ja instrui alian, kaj tion ili plej verŝajne celis eviti.

Mi do cedis, kiel faris ankaŭ ĉiuj aliaj, tiuj, kiuj faris la laboron, kaj ne ricevis sufiĉe da mono !

Oni do faris tion, kion oni ĉiam faras. Oni dungis eksoficiron el la mararmeo. Ĉar li scias ĉion pri sekurigado en granda industria urbo, ĉu ne ?

Montriĝis ke li nenion scias. Sed li estis bonkora kaj ŝercema, kompreneble, ĉar li ĵus ricevis unu el la plej bonaj laboroj en la tuta urbo. Li fariĝis gardistestro neniam estinte gardisto. Ni vivas en stranga mondo, sed ni alkutimiĝas al tio ! Ekde tiam li estris Vesterbro kaj Valby, mian hejmon, ĉu ne ?

Ĉar mi estis la plej bonkora el ĉiuj noktogardistoj en Kopenhago, fariĝis mia tasko instrui la eksmarsoldatoficiron pri deca laboro. *Daŭrigota* BobFelby

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



**3ZZZ** ….. Al la studio de 3ZZZ venis la 21an de majo 2018 Paul Desailly el Adelajdo . Li volonte respondis kelkajn demandojn kaj reagis al la programo. Aŭskultu lin pere de la retejo de la radio www.3ZZZ.com.au aŭ pere de la arkivejo en la retejo www.esperanto.com.au . La jarkunveno de la Esperantogrupo en 3ZZZ okazos sabaton la 2an de junio 2018 je la 2 ptm en la radiostacio Albert strato Brunswick.

Por ŝpari monon la konsilantaro decidis ne plu sendi personajn alvokojn al la membroj , do bonvolu noti tiun daton kaj ĉeesti . Kvorumo estas bezonata por komenci la kunvenon.

Informas la kunvokanto, Franciska Toubale"

# DUBETOJ PRI LA ASERTOJ DE DAVID.



## Pri "re-" kaj "retro-". en n.ro 374:

**1).** Aspektas nesaĝa, aŭtomate kaj blinde akcepti la ideojn de vortaristoj kaj iliaj gramatikistoj esprimitajn en iliaj vortaroj. Ŝajnas konsilinda, unue formi sian propran opinion, sen menspolucio, kaj post tio kompari kaj korekti ĝin pro studo de la vortaroj.

**2).** Se ni trovas, ke laŭ nia opinio la vortaroj malpravas, estas nia devo insisti ke ili ŝanĝatu, anstataŭ aŭtomate ŝanĝi nian kaj alies opinion laŭ la vortaroj.

**3).** La prefikso "re-" havu la saman signifon en ĉiuj kazoj de sia uzo. Same por "retro-" kaj aliaj vortoj.

4). Se "re-" en "reveni" kaj "reiri" signifus la venon el de la fino de antaŭa iro resp. antaŭa veno, do kiel la germana "*zuruck*" kaj la angla "*back*", DO NE RIPETON DE LA SAMA AGO KIEL EN REFOJE VENI AŬ IRI KAJ *WIEDER KOMMEN* KAJ *COME AGAIN* , tiukaze "re-" en "rekanti" (kaj preskaŭ ĉiuj aliaj "re-"-kombinoj, signifus fari la agon returnen, el de la origina fino de la kanto returne al la komenco de la kanto, ago ebla sed praktike neniam farata. Do kanti el la fino al la komenco de la kanto, do "*to sing back*", "*zurucksingen*". Same en "relegi libron" estus legi ĝin el de la fino al la komenco, kaj "remanĝi" signifus manĝi la nutraĵon el la stomako al la lipoj. Same pri preskaŭ ĉiuj aliaj kombinoj kun "re":

**5).** Se "reveni" estus "veni el atingita fino al la origina deirpunkto, ĝi estus alia ago ol la iro el tiu deirpunkto. Ĉe mia uzo "reveni": kaj "reiri" signifas la ripeton de antaŭa "veni" kaj "iri", kaj do estas sama ago. Same kiel "rekanti" estas la ripeto de sama ago farita antaŭe.

**6).** Kaj se tiu "re-" signifus la reiron de la ago, kiel oni do traduku la ripeton, "*again*", "*wieder*": Ĉu per ripete kanti aŭ ripetkanti aŭ refoje kanti? Oni ne havus prefikson por la tre multa uzado de la ripetata ago. Dum oni havus la prefikson "-retro" por indiki la tre malmulte uzatan signifon de fari ion per sia dorso fronte, kiel "*to come to the party backwards*". Kaj "retrosendi leteron" signifus ke oni sendas la leteron per sia dorsflanko al la adresito. Kaj aliaj stultaĵoj.

**7).** Ne estante sklavo de la plurfoje neĝustaj aŭ nelogikaj opinioi de la vortaroj, speciale P.I.V., laŭ mi "re-" signifas la ripeton de tute sama ago farita antaŭe, en ĉiuj kazoj. Konsekvence "rekanti" estas "kanti refoje" kaj "reveni" kaj "reiri" estas ripeto de la sama ago "veni" kaj "iri" Por la ofte uzataj "veni kaj iri kaj sendi" en kontraŭa direkto mi uzas la nure haveblan prefikson "retro-", en retroiri kaj retrosendi k.t.p., kaj por la maloftege uzataj "veni kaj iri paŝante kun la dorso antaŭen en la irado" mi uzas : veni kaj iri kaj fali dorsantaŭen veni kaj iri kaj fali".

**8).** La malsaman signifon de David kaj liaj vortaroj kaŭzas verŝajne la fakto, ke la ago "reveni" ne sekvas unuan agon "veni" sed unuan agon" iri", kaj inverse. Lingvoj kiuj havas nur unu verbon por kaj veni kaj iri ne kaŭzas tiun problemon.

**9).** Do kantu kaj rekantu duan fojon, kaj venu kaj revenu duan fojon, kaj retrovenu post irado kaj retroiru post venado, kaj retronaĝu post unua naĝo kaj renaĝu morgaŭ.

*Marcel Leereveld*.